I N T E R N A C I A   ĴURNALISTO

n-ro 1 junio 1974



TENI KONTINUECON

ne nur laŭnome, sed ĉefe renovigante per novaj fortoj la tradicion de IĴ kaj ankaŭ la aktivecon de TEĴA, kiu malmulton entreprenis en la lastaj jaroj. La plej konsciaj anoj emas kontaktigon kaj ĝi estas la kaŭzo, kiu igas nin aperigi almenaŭ tiun ĉi modestan cirkuleron. Antaŭ ĝi jam kvin leteroj estis dissenditaj al 15 niaj aktivuloj depost la 10a de oktobro 1973, sekvante la unuan alvokleteron en aŭgusto 1973 al proks. kvindeko da ĵurnalistoj, el kiuj komence reagis nur sep /7/

Resumo de la alvokletero estis : interŝanĝi artikolojn por la nacilingva gazetaro (radio, televido) per E-o, profiti Eon kiel pontolingvon, kunlabori kun resp.kulturaj organizaĵoj, interŝanĝi spertojn per pli elasta maniero ol estis eble en IĴ, prepari kolektivan verkon pri la diverflanka apliko de E-o precipe en la preso.

Dume aliĝis la novaj samcelanoj, okazis ankaŭ la unua persona kontakto far s-ano Kavenius el Finnlando kun la subskribinto en Prago, oni subtenis perletere la Esp. rubrikon en la junulara gazeto aperanta en Riga, USSR, s-ro Maitland, Britio kontribuis per kelkaj artikoloj al la sindikata ĵurnalo Práce, Prago k.a.

A.Grigorov, Sofio, iniciatis eldonandon de iu multobligita bulteneto, per kiu oni povus informi pli vaste pri niaj aktivecoj. Kompreneble ĝi bezonas kunlaborantojn, informojn. Ni kredu, ke ili aliĝos.

O. Knichal

ŜUKCESO EN F.R.G

Nia kolego G.D.Winkler, la ĉefkuratoro de la fonduso por la junulara preso en Nordrejno-Vestfalio akceptigis la proponon reeldoni la novajn legitimilojn por la junularaj redaktoroj kun la teksto en ses lingvoj, inkl. de Esperanto. Sur la nova fondusa leterpapero oni aldonis (germanlingve):"Korespondado nur en la angla, franca kaj esperanto", same oni pretigis la esperantlingvan stampilon, uzotan por la eksterlandaj rilatoj. La novaj legitimiloj validas ankaŭ internacie.

Sekvo de tiuj ĉi decidoj, kiel skribas s-ro Winkler, estas simpla : Estante la sola instanco pri niaj legitimiloj (rilate la junularfakajn redaktorojn) ni devigas al ĉiu membro havi esperant-tekstan legitimilon, de supre enkondukante la lingvon en nia oficiala uzo.

KIU REPREZENTOS NIN EN HAMBURGO ?

Kiel jam atentigis nin s-ino Vogel, FRG, nia proksima ŝanco estas la UK en Hamburgo, kiun espereble partoprenos ankaŭ s-ro Winkler kaj aliaj niaj aktivuloj. Ili povus kunhelpi organizon de la faka kunsido de TEĴA kaj raporti pri ĝi en KGS kaj en IĴ.

Ni alvokas ĉiujn ĵurnalistojn kaj interesitojn partopreni la kunvenon kaj diskuti pri la plej urgaj taskoj.

Niaopinie estus necese trakti la temojn kiel ekz.bulteno de TEĴA, konatigo de niaj klopodoj pri revigligo de TEĴA, popularigo de la ĉeftemo de UK kaj de ties rezoulucioj, kunlaboro kun la naciaj kaj internaciaj ĵurnalistaj asocioj kaj aliaj fakaj organizaĵoj.
La lokaj ĵurnalistoj esperantistoj bv. informi pri viaj paŝoj koncerne la aranĝon. (k)

## Publike pri Esperanto

SOVETIO : La 10an de aprilo nia kolego N.Danovskij prelegis en la Instituto de Lingvoscienco en Moskvo (kies vicdirektoro estis E.Bokarev) je la temo : Problemoj de la rusa-Esperanta traduko". ooo Inĝ.L.Fiŝbejn el urbo Uzlovaja, kiu jam 15 jarojn praktikas E-on en la urba partia organo Znamja, aperigis tie la artikolon pri la internaciaj valoroj de E-o kaj krome preparas la studon pri la ideologia batalo kaj Esperanto.

ĈEĤOSLOVAKIO : Aperis kelkaj artikoloj pri E-o. Krome la gazeto Mír (Paco) organo de la Ĉs. Packomitato regule publikigos informojn kaj artikolojn pri la porpacaj aktivecoj de la ĉs. esperantistoj. Simile en la partia organo "Průboj" , Nordbohemia regiono, en Ústí n.L. ekaperis la regula Esp. rubriko prizorgata de L.Špína

ITALIO : Redakcio de Radio-Roma esp. elsendado (d-ro A.de Salvo) disponas pri kopioj de diversaj tekstoj utiligeblaj en nacilingva gazetaro

PANORAMO el Ĉeĥoslovakio, Duonjara revuo por literaturo kaj arto alportos en si la n-ro specimenojn el la ĉeĥa kaj slovaka literaturo kaj ankaŭ original-esperantajn erojn. La precipa surprizo estos fragmentoj el la memoroj de V.Lebrun, esperantisto, la lasta sekretario de Tolstoj, publikigotaj en Eo la unuan fojon.

## Niaj aktivuloj

N.ANDRIANOVA, Kiev 173, Berezniaki,prospekt P.Tyčiny,26,kv.162, USSR o M.BURGMEISTER, 226001, Riga 1,p.k.55,Latva SSR o N.DANOVSKIJ, 103 009, Moskvo K-9,poste restante, USSR o L.FIŜBEJN, 39650, USSR, Uzlovaja 8, Tulskoj obl.Gagarina 42-10 o L.FREUNDLICHOWA, 41-500, Zabrze 1, Wolnosci 145/Ip m.4, Pollando o J. GOLD, Gorkija 18-la, 226050 Riga,USSR o A.GRIGOROV, p.k. 1666, Sofia -C, Bulgario o N.KAVENIUS, SF 20 300, Turku 30, Taskulantie 2,D 66, Finnlando o O.KNÍCHAL, Topolová 2916, 100 00 Praha 10, ČSSR o F.MAITLAND, Breaside, Kenardington, Ashford,Kent, Britio o J.OJALO, SU 20001, Tallinn, Narva mnt. 23-5, Estona SSR o A.de SALVO, Via Olbia 15, I-00182, Romo, Italio o M.VOGELE, Kniebis str.31 D-7, Stuttgart, FRG o G.D.WINKLER , 41 Duisburg, Haroldstr.47, FRG.

---

INTERNACIA ĴURNALISTO, red.O.Knichal, eldonas Ĉeĥa Esperanto-Asocio, Jilská 10, 110 00 Praha 1, ČSSR. Jarabono 1 US dol.,aŭ egalv.

Praha 15. 8. 1973

timata samideano,

el samfakulo mi ŝatus direkti al vi kelkajn vortojn proponante
ei bazon por efika kunlaboro sur la komuna agadkampo, per ko -
una lingvo kaj komunacele - t.e. por la efektiva proksimiĝo de la
polo j. Se vi konsentas kun tiu ĉi devizo, mi skizu kelkajn punk-
ojn plenumindajn:

1/ Interŝanĝi aktualajn informojn /artikolojn/ - originalajn aŭ tradukitajn - por la n a c i l i n g v a gazetaro /televido, radio/, kiuj helpus al pli bona interkonatiĝo de diversaj nacioj. Eluzadi Esperanton kiel pontolingvon por la perado de kulturaj valoraĵoj. - Kunlabori tiucele kun respektivaj kulturaj organizaĵoj kaj informi ilin pri la aktivecoj pere de E-o.

2/ Establi skribajn kaj laŭeble personajn ligojn. Plani renkontiĝojn de la ĵurnalistoj-esperantistoj kaj de la redaktoroj de Esp. gazetoj. /Mi estas preta helpi event. gastigi vin dum via vizito al Ĉeĥoslovakio/.

3/ Fondi laŭeble internacian gazeton en E-o, kiun redaktus diverslandaj esp. ĵurnalistoj kaj kiu traktus ĉefe kulturan interŝanĝon pere de E-o. Eluzadi por tio la ekzistantajn E-gazetojn.

4/ Prepari kolektivan verkon de la esp. ĵurnalistoj, /la temo povus esti ekz. "Internacia kunlaboro kaj la internacia lingvo"/ kiu internaciskale dokumentus la eblecojn de E-o en ĉiuj sferoj de la homa aktiveco kaj speciale en la informa.

5/ Interŝanĝi spertojn pri la ĵurnalisma agado pere de E-o kaj popularigi ilin en "Internacia Ĵurnalisto" kaj en aliaj E-gazetoj.
Fondi ĉe TEĴA komisionon, kiu stimulus la iniciatojn sub 1-4/

Mi atendas viajn sugestojn kaj rektajn laborkontaktojn

Oldřich Knichal
red. de Práce,organo de čs. sindikatoj
red. de Starto ĈEA kaj PACO, adr.:
Topolová 2916,100 00 Praha 1o, ČSSR.

---

vi ne povas tuj respondi la leteron, bv. afable resendi tiun ĉi
pon kun jenaj indikoj:

Nomo . . . . . . . . . . . . . . . adreso . . . . . . . . . . .

. . . . . . . . . . . . . . naskiĝjaro . . . . . en kiu ĵurnalo/ga-
o, radio aŭ televidstacio/ vi laboras, en kiu fako /rubriko/. .

. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

maniere vi aplikas E-on en via okupo . . . . . . . . . . . . .
esoj de aliaj al vi konataj ĵurnalistoj-esperantistoj en via
do:
. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .